Kajeroj — el la Sudo



Fondita en 1988.

**BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)**

Prezidanto: Martin Bustin Benito
Nuevas Lomas, sec. 2, part. 13, bloq. 1,P-7, 2-A
03015-ALICANTE. (Hispanio)
*****
Sekretario: Jesus de las Heras Giménez
Av. Juan Carlos I, 24, 2/G, Edif. Nueva Ronda, 1
30008-MURCIA.
*****
Kasisto: Nicolas GIL Carballo
Apartado 305, 24080-LEON.
Envios de cotizaciones sin coste adicional a nombre del mismo, desde cualquier punto postal de España, a la Cartilla Postal nº 29-85.039.477.

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27/29. 9º.C.
50002-Zaragoza. (Hispanio)
***
Miguel Fernández Martín
C/ Santa Genoveva, 58. 6º C.
28017-Madrid. (Hispanio).

Desegno neeldonita de Picasso apartenanta al la kolekto "Sonĝo kaj mensogo de Franco" (1937), en kiu aperas la aĉa figuro de la diktatoro, la Respubliko-busto, ĉevalo, taŭro kaj virinoj plorantaj...Ĝi simbolas la hispana intercivitana milito.

Enhavo:



NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# LA STABILIGO DE HALE

La malalta nombro da membroj de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj, kaj sekve ankaŭ de homoj kapablaj por la gvidado de la Asocio kreis/as gravajn problemojn por la stabiligo kaj malvolvo de la hispana LEA-o: ne abundas la personoj pretaj dediĉi siajn tempon kaj talenton al nia progresema idearo.

La problemoj komenciĝis kiam post longa prezida periodo de la antaŭa prezidanto, k-do Lòpez, el Seviljo, li konfesis sian malkapablon plenumi la minimumajn gvidajn taskojn, ĉar samtempe li ankaŭ devis ofici kiel delegito de ILEI en Hispanio, sektretario de HEF, kaj ekster la Esperanta Movado ankaŭ kiel responsulo pri certaj liberecanaj sindikataj taskoj. Ni bone komprenas lian malkapablon atenti tiom grandajn diversajn taskojn!

Pasintjare, la indikita prezidanto, kunvokis la ĉiujaran asembleon en Valencio, sed li ne veturis tien por prezidi ĝin, kaj la kunveno ne okazis. Provizore oni elektis novan gvidan komitaton, sed kiam ĝi devis esti konfirmita ĉi-jare en la kunvokita kunveno okazonta en Malago, neniu komitatano prezentiĝis, kaj simile kiel en la antaŭa jaro, la asembleo ne okazis... Kion fari?

La problemo tute ne kuŝis en la rilatoj de HALE kun HEF, kiel erare opiniis certa responsulo de nia Asocio, ĉar neniam HEF *postulis* okazigi niajn kunvenojn samtempe ol ĝi, nek intervenis en la interna politiko de HALE. Neniam! La decido naskiĝis kiam grandparte el nia anaro konstatis, ke la ĉiujara HEF-kongreso estis bona okazo por pli alta partopreno de HALE-membroj en nia asembleo.

La problemo pri okazigo de la ĉiujara asembleo de nia LEA-o (kun konsiderinda nombro da emerituloj kaj senlaboruloj kaj tial kun malaltaj ekonomiaj rimedoj por longaj vojaĝoj) inklinis al la nuna provizora prezidanto sugesti kiel solvon "okazigi referendumojn simile kiel tiuj de SAT por agi pli demokrate". Sed la afero ne estas tiel facila, unue, ĉar la debatotaj temoj kiuj aperas en la ĉi-jara Tagordo postulas diskutadon kaj ne solveblas per simpla akcepto aŭ malakcepto, tio sen mencii la prezenton de eventuala agadplano, tiel urĝe bezonata en nia LEA-o. Due, ĉar ni opinias neakceptebla la uzon de referendumo: la hispanaj antifaŝistoj ne facile

forgesas, ke diktatoro Franco kaj aliaj faŝistaj reĝimoj uzis tiun sistemon por legitimi maljuston kaj tiranion, do, la fakto ke referendumoj estas uzata de SAT, tute ne sufiĉas por garantii la demokratecon de tiu elekto-sistemo. Tute kontraŭe, en nia opinio tiu estas unu el la defioj urĝe solvendaj, kiu havas nia internacia asocio por pli korekta gvidado fare de la Centra PK de SAT: referendumoj per listoj fermitaj, pretigitaj de homoj el unu sola lando por sennacieca tutmonda komitato, kiuj fakte sin prezentas por elekto, ne estas tro demokrata sistemo kaj estas garantio pri eternigo de kontinuisma politiko, kiu, finfine fariĝas korupta, tirana aŭ kaduka. Elektu vi mem, kara leganto, la terminon kohere kun la karaktero de ĉiu kazo.

Kompreneblas, ke ni ne pretendas ofendi niajn k-dojn nun oficantaj en la gvida aparato de SAT en Parizo, ja ni parolas pri ideoj kaj ne pri personoj, ĉiukaze se ili uzas instrumenton kadukan hereditan el pasinto, ni ĉiuj kulpas, same kiel respondeco nia ankaŭ estas la stagnado de la Laborista Movado en la tuta mondo: ĉiu politiko nepre bezonas, krom resti fidela al siaj principoj kaj celoj, ankaŭ evolui kun la socio, kaj sekve sin renovigi paralele kun la ŝanĝantaj tempoj. Laste, tiuj sociŝanĝoj estis gigantaj en ĉiuj aspektoj, kaj tamen, ni, laboristoj, movis eĉ ne unu fingron por atingi la nivelon bezonatan. SAT kaj LEA-oj ne estis la escepto. La solaj ŝanĝoj en niaj sindikatoj estis la burokratiĝo de niaj gvidantoj, sed fakte ni uzas saman politikon ol tiun uzitan dum la antaŭa jarcentofino kaj komenciĝo de la nuna, dum alarme oni konstatas, ke nia socio enorme ŝanĝis, kaj niaj laboristoj, grandparte nun teknikistoj, ekonomistoj, administrantoj aŭ brilaj inĝenieroj venantaj el tiuj ŝanĝiĝoj, apenaŭ sin rekonas kiel samklasaj de manlaboristoj kaj senlaboruloj, kaj certe kun problemoj aŭ bezonoj teknikaj, ekonomiaj kaj laboraj tute malsamaj inter ambaŭ sektoroj. Kontraŭ la kapitalismo ankaŭ ni uzas similajn kadukajn programojn. Pasive oni rigardas la problemojn kaj oni aplikas malnovajn formulojn, simile kiel ni agas uzante tiun instrumenton el pasinto nomata referendumo, kies demokrateco nun terure lamas... Ĉu ni ne devas elpensi pri moderna teorio por defendo de la laborista klaso? Sendube jes! Sed la decidon oni prokrastas jam de antaŭ longe unu tagon post alia.

Revenante al nia konkreta temo, ni konsciu ke la stabiligo de HALE, eble eĉ la ekzisto mem de nia Asocio, dependas de niaj klopodoj en eventuale kunvokenda asembleo, ĉar multaj estas la temoj traktendaj kaj revigligo de nia LEA-o montriĝas urĝa kaj neflankenlasebla. Ni esperas, ke kelkaj el niaj membroj (feliĉe ne multaj), kiuj laste montriĝis sufiĉe netoleremaj rilate alies opinioj, estos sufiĉe komprenemaj kaj tiel perceptu, ke HALE estas asocio de laboristoj esperantistaj kaj tial konsistanta de homoj diverse liberpensantaj, ne de unu sola ideologio, kaj ĉiuj meritas respekton al la propraj

konvinkoj. Nia devizo povas esti, krom tiu de SAT pri kutimiĝo al eksternacia sent- pens- kaj agad-maniero, la unueco en la diverseco...

Nia tuja celo devas esti nia firma volo por rapida revigligo de nia Asocio, kaj la magia vorto por ni: KUNLABORO!

*LA REDAKCIO*

---

# AL LA LABORISTOJ DE ĈIUJ LANDOJ: UNU LINGVON!

**Pruntebla migra Esperanto-ekspozicio pri historio**

La historio de la Esperanto-movado bedaŭrinde estas ĝenerale ne tre bone prilaborita. Tio ankaŭ koncernas la laboristan Esperanto-movadon. Por verki pri historiaj temoj necesas dokumentaj materialoj. Tro ofte ĝuste ili perdiĝas post organizaj ŝanĝoj ĉe organizaĵoj kaj, ankoraŭ plej ofte, post la morto de iamaj aktivuloj. Tion konsciante jam antaŭ sia morto la germana laborista esperantisto Eduard Weichmann donacis sian valoran kolekton de laboristmovadaj esperantaĵoj al la "Fritz-Hüser-Instituto pri germana kaj eksterlanda laborista literaturo" de la urbo Dortmund (Germanio). Tiu instituto kolektas materialojn ne nur pri literaturo sed pri ĉiuj aspektoj de la laboristmovada kulturo, ekz. i.a. pri naturamikoj, liberpensuloj, radio-amatoroj, teatrogrupoj, koruisoj, k.s. Ĝi esploras pri tio, publikigas studojn, organizas prelegojn kaj pretigas migrajn ekspoziciojn. La instituto en siaj komfortaj arkivejoj kaj lego-ĉambroj disponas pri 31.000 libroj, pri pli ol 13.000 revuoj kaj 67 kontinuaj metroj da aktoj.

Esperanto ludas gravan rolon en la laboro de la instituto. Pro la donaco de Weichmann kaj de Weichmann kaj de aliaj laboristaj esperantistoj ĝi posedas pli ol 700 librojn, revuojn el 28 landoj, jarlibrojn, kongresdokumentojn, gazeteltondaĵojn, protokolojn, varbilojn k.a.

Pri la gazeto-kolekto ekzistas aparta broŝuro. La instituto organizis du migrajn ekspoziciojn pri la historio de la laborista Esperanto-movado. La unuan en 1983 (aperis 16-paĝa katalogo). La duan ĝi malfermis kadre de la 78a Universala Kongreso de Esperanto en Valencio, dum julio en 1993. Por tiu ekspozicio eldoniĝis dulingva katalogo (germana kaj Esperanto), 113-

Al la laboristoj
en ĉiuj landoj
unu lingvon!




paĝa, kun kontribuoj de Blanke, Lins, Noltenius, Proskovec kaj Weichmann. La katalogo haveblas ĉe UEA kaj la instituto. Recenzoj bonvenas.

La tuta multkolora ekspozicio konsistas el 24 plastikaj tabuloj (90x100 cm) kaj 10 kartonaj. Ili estas facile munteblaj sur portiloj aŭ pendigeblaj sur muroj. Haveblas afiŝoj. La ekspozicio, kiun pagis la urbo Dortmund, estas senpage pruntebla. Interesigantaj landaj aŭ regionaj asocioj, organizantoj de kongresoj kaj aliaj aranĝoj aŭ eĉ lokaj kluboj povas prunti ĝin senpage, sed devas zorgi pri transporto kaj sekuroj. La instituto, kiu komunikas en Esperanto, disponigos indformfolion pri la teknikaj detaloj.

Skribu al: Fritz-Hüser-Institut, Ostenhellweg 56-58, D-44135 Dortmund. Germanio. Tel. (--49)-231-5023227).



# Recenzo:



**"Ilustrita historio de la Laborista Esperanta Movado"**

Rainer Noltenius/Detlev Blanke/ Eduard Wichmann/Ulrich Lins/ Jiri Proskovec. Ilustrita per fotoj el arkivo de migra ekspozicio. 113 paĝoj, 208 x 148. Dortmun 1993.

Apenaŭ mi rimarkis per la titolo la fakan karakteron de la libro, mi kore kaj ĝoje salutis ĝin eĉ antaŭ legi la verkon, ne nur ĉar la historiografia verkado en Esperantujo estas subevoluinta, kiel trafe asertis mia estimata kolego Bernard Golden, sed precipe ĉar konkrete historioj pri la Laborista Esperanto-Movado alarme malabundas(!). Jen kial nur simpla faka verko devas esti aplaŭde ricevita.

Jes, ekzistas sufiĉe alta nombro da broŝuroj kaj monografioj pri certaj homoj aŭ historiaj eventoj kaprice klasifitaj kiel apartenantaj al la historio de la Laborista Esperanta Movado, sed se oni atente analizas ilin oni venas al konkludo ke temas pri politikaj verkoj. Kaj la diferenco inter unu kaj alia koncepto estas sufiĉe granda por ne percepti kaj distingi la proprajn profilojn de ĉiu el ili.

Historio estas scienco studanta kronologie sociajn faktojn el pasinto pri la homo aŭ la homa socio. Ĝi konsistas el du esencaj elementoj: ekspono kaj interpreto. La ekspono devas esti nepre vera kaj fidela; la interpreto rigore senpasia kaj kiel eble plej preciza kaj honesta. Pritaksi homojn kaj eventojn

kiel elementoj historiaj ne estas facila tasko, jen unu plia motivo, kiu eksplikas kial abundas la politikaj verkoj kaj malabundas la historiaj. Bona historia verko estas juvelo ĉiam admirinda.

Tiu ĉi "Ilustrita historio de la Laborista Esperanto-Movado" estas tiel malampleksa, ke malfacile oni povas difini ĝin, ĉar tre malofte ĝi eniras en la kernon de la priskribitaj eventoj. Ĉiu el la indikitaj verkantoj anoncas temon kiun oni ne malvolvas kaj ankoraŭ malpli profundigas, kaj kiam malofte tio okazas oni trovas, ke tio temas pri parto de teksto jam aperinta en alia verko kaj ne pri tio kio ankoraŭ estas direnda.

Mi instigas al la brilaj verkantoj de tiu ĉi ilustrita historio, verki alian pli kompletan kaj detalan pri la Laborista Esperanto-Movado en Germanio, ĉar eventoj sufiĉe interesaj tute ne mankas en tiu historie riĉa pasinto, fonto de profitindaj spertoj.

Koran dankon al s-ro Ulrich Lins, kiu tiel majstre rakontas sian ĉapitron "Esperantistoj en la Hispana Intercivitana Milito", bedaŭrinde tiel mallonga, ke ĝi estas kvazaŭ invito al kompetenta hispana verkemulo insiste plu verki kaj kompletigi tiun draman parton de la historio de la Hispana Laborista Esperanta Movado, ĉiam pasia, transcenda kaj

drame vivita de la hispana popolo, kiu, se priskribita en unua persono estus sendube enorme alloga. Dankon, amiko Ulrich pro tiu via unua briko de nova konstruaĵo.

La libreto kiun ni recenzas estas leginda kiel enkonduko al la temo, kaj mi profitas la okazon por rekomendi al gvidantoj de specifaj laboristaj organizoj interesiĝi kaj plu atenti pri tasko tiel grava por la interesoj de la laboristaro Gravas promocii tiun taskon. La historio estas ja nia memoro kaj la laborista popolo devas ĉiam scii de kie ĝi venas kaj kien ĝi iras. Nur tiel oni povas plenumi konscie utilan taskon por la Movado.

*Antonio Marco Botella*

---

"TRAVIVANTE LA KRIZON"

Libro verkita de samideano Faustino Castaño. Ĝia tuta enhavo temas pri diversaj travivaĵoj kaj kaŭzoj, kiuj devigis la metalurgiajn laboristojn de Asturio kaj Bilbao translokiĝi piede al Madrido (1992) por eksponi al la registaro siajn petojn. En ĝi abundas tiutempaj ĵurnalaj fotoj pri la temo.Formato D A-4, ĝia reproduktado estas fotokopiita, 126 paĝoj. Ĝia prezo 1500 ptoj.



# La movado en kaj ekster Iberio

## Amboise: Nova Turismo per la Amikeca Reto

La Amikeca Reto ebligas ja tute novan manieron vojaĝi: la RET-anoj povas viziti ĉiutagajn lokojn, kiujn oni trovas en neniu agentejo (lernejon, fabrikon, privatan domon, kooperativejon, asociejon, teatron, urbodomon, radio-elsendejon, sindikatejon...ktp. ktp.) Tio eblas nur en Esperanto, ĉar ekzistas komuna amika sento. Vi simple provu...kaj konstatu!

Informoj ĉe: AMIKECA RETO, 88, rue Victor Hugo; 37400-AMBOISE. Tel.: +33- 47 57 55 63.

## Rapida Esperanto-kurso en Vitoria-Gasteiz

De la 28a de oktobro ĝis la 1a de novembro, la loka Esperanta Grupo organizas rapidan E-kurson je du niveloj: komencantoj kaj parolantoj. Ĝi okazos en junulargastejo kaj la programo inkluzivas multajn distraĵojn, ekskursetojn kaj viziton al la urbo. *Vera etoso esperantista.*

La kotizo (manĝoj, tranoktado kaj lernomaterialo!) jenas: studentoj kaj senlaboruloj (9.000 ptoj); laborantoj (13.000). Ankau eblas memzorgi: po 4.000 au 5.00 ptoj). Informoj kaj aliĝoj: Xavier Armendariz; Beato Tomás de Zumárraga, 6. 3-esk, E-01008 Vitoria-Gasteiz. Telf. 945/14-1847.

## Dua Atlantika Plonĝado

Ciujarte sunas en suda Portugalio komence de novembro. Ĝuu tiun somerecan veteron ĉi-jare okaze de la Dua Atlantika Plonĝado (10—13/-11/94, apud Lisbono, en la urbeto Troia.

Estos distra programo en la apudaj plaĝoj kaj amuzejoj, prelego de Gonçalo Neves kaj movada diskuto. Kontaktu: Portugala E-o Junularo, Rua Dr. Joáo Couto 6 r/c A, P-1500 Lisboa, Portugalio.

## Sant Cugat del Vallés. Kultura E-Semajno

La Kultura Sekcio de Hispana Esperanto-Muzeo organizas la Duan Internacian Kulturan kaj Turisman Esperanto-Semajnon okazontan de la 15a ĝis la 22a de oktobro de tiu ĉi

jaro, en "Centro Borja" de Sant Cugat del Vallés (Barcelono). La programo konsistas el interesaj prelegoj, ekskursoj, koncertoj kaj vizitoj. Informoj: Kultura Sekcio de Hispana Esperanto-Muzeo, Apartado 15027. 08080-Barcelona.



**Donneville.- ROK-gazet'**

La 6a numero de ROK-gazet' ĵus aperis, ĉifoje sur 32 paĝoj, la enhavo abundas je roknovaĵoj. Per tiu ĉi numero komenciĝas nova serio. Ne maltrafu la okazon muzikumigi vian kapon kaj kultivi vian lingvon. Informoj: "ROK-gazet'" (EUROK-KA Esperanto Rok-Asocio) F-31450-DONNEVILLE. Francio.

---



# Bonvolu ridi, sed ne tro

## Ĉe veterinaro

—Mi venas ĉe vi, sinjoro, ĉar mi suferas pro maldormemo.

—Pardonu, vi eraris pordon, ĉar mi estas veterinaro...

—Mi scias, sed mia maldormemo dependas de hundo.

—Ĉu de hundo?

—Jes, de la hundo de mia najbaro, kiu dum la tuta nokto bojadas sur teraso. Ĉu vi povus, sinjoro, skribi por mi recepton, por ke ĝi silentu por ĉiam?

## Sceno pri amo

Junulo insiste postulas de fraŭlino rendevuon, sed ŝi restas ĉiam necerta pri la decido. Alvenas la buso kaj sen konkludi ion ŝi ekiras por enveturiĝi, sed li insiste haltigas ŝin sur la enirbreto dirante:

—Do fraŭlino, diru, je kioma horo ni rendevuos morgaŭ?

La personoj amasiĝas post la dialoganta paro kaj scivoleme rigardas la scenon. Ĉiuj koroj emocie batas...

—Aŭskultu —ŝi finfine respondas —venu ĉi tien je la tria;
atendu min ĝis la kvara; se je la kvina vi ne vidos min, vi povas foriri je la sesa!

Ĝenerala elreviĝo. La buso fine startas...

## Senutila progreso

Juna astronomo klarigis al sia amiko:

—Scienco faras mirindaĵojn en la mondo. En monto de Kalifornio ni havas teleskopon, tiel potencan, ke ni povas rigardi je seskilometra distanco kaj vidi la okulharojn de bela junulino...

La amiko respondis: —Tio estas tre bone, sed por kio oni deziras vidi belan junulinon je tiu distanco?

### Konkludo de "laboremulo"

Malsanulo, konsultante al fama ĥirurgo tiel demandis:
—Ĉu mi post tiu grava operacio povos labori?
—Certe— respondis la kuracisto.
—Bone do, tiukaze tute ne interesas min submetiĝi al tiu operacio!

### En apoteko

Kliento: —Ĉu vi havas efikan kuracilon kontraŭ nazkataro?
Apotekisto: —Tutcerte, sinjoro, mi konsilas al vi la efikegajn pilolojn de D-ro Fuŝo.
Kliento: —Ho, ne, dankon! Mi estas D-ro Fuŝo.

### Estonteco

—Infano, kion vi volas esti, kiam vi estos plenaĝa?
—Mi volas esti stultulo!
—Ho, kial?
—Sinjoro, ĉar mia patro ĉiam envie diras: "Rigardu, kian aŭtegon havas tiu stultulo". Aŭ "rigardu, kian domegon havas tiu stultulo!"

### Inter gefianĉoj

La fianĉino: —Kiel agrable estos al mi mildigi viajn zorgojn kaj ĉagrenojn!
La fianĉo: —Sed, karulino, mi havas nek zorgojn nek ĉagrenojn!
La fianĉino: —Ho, ne plendu pro tio. Abundon da ili vi havos post nia geedziĝo. Atendu pacience...

### Logiko de sportisto

Kuracisto kontrolas la temperaturon de malsana sportisto:
—Ho, vi atingis 40 gradojn!
La sportisto reagas tuj: —Diru, doktoro, kia estas la rekordo?

### Instruaj dialogoj

—Ĉu vi perdis la monujon?
—Tute ne! Jen ĝi.
—Nu, bonvolu prunti al mi mil pesetojn!

—Mi laboris kiel detektivo dum multe da jaroj. Tial mi estas malfacile trompebla; mi ne fidas eĉ mian patron!
—Kompreneble, ĉar neniu konas vian familion tiel bone, kiel vi mem!

—Dankon pro la teo, sinjorino, ĝi bone gustis kiel kafo.
—Ho, tre afable viaflanke sinjorino, tamen ĝi estis ĉokolado!






# KRITIKAJ KOMENTOJ PRI LA NOVA REFORM-PROJEKTO DE AEIOU

LA VOJO AL FRENEZECO ESTAS PAVIMITA PER REFORM-PROJEKTOJ

*Unu el la plej novaj reform-projektoj de Esperanto estas diskonigata fare de organizaĵo kun la mallongigita nomo AEIOU (Asocio Esperantista kai Internacia por la Ortografio Universala -aŭ- Asocio por Expansio Internacia de la Ortografio Universala). La bazo de ĝia reformo estas la Universala Ortografio elcerbigita de iu Jon Walter Yung, kiu fondis Union por Nova Alfabeto. Post lia morto en 1981, pluportis la stafet-bastoneton la nuna korifeo de AEIOU, Yannic Gicquel, el Toulouse, Francio.*

*Grava mispaŝo en la "Deklaracio de la 3-a Yarmilo"*

*La celo de tiu ĉi artikolo estas kritike pritrakti paragrafon 1 de la t.n. "Deklaracio de la 3-a Yarmilo", kiun AEIOU proponas kiel suplementon al la Deklaracio de Bulonjo-ĉe-maro de 1905. La koncerna paragrafo tekstas jene: "Tiu chi Deklaracio ekvalidos en siaj Artikoloi Quar jis Ok, kiam la kontrolita plimulto de la Esperantistoi mem estos subskribintai jin. ..." Kritikindaj estas la vortoj "la kontrolita plimulto de la Esperantistoi". Kiel estas eble scii, kiom da esperantistoj formas la plimulton, kaj kiel estas eble kontroli tiun kvanton?*

*Statistikoj ne mensogas, sed mensogantoj statistikas*

*La eterna demando en la esperantista komunumo, same en la pasinteco kiel hodiaŭ, estas: kiom da esperantistoj troviĝas en la mondo? Kelkfoje la ŝlosila termino en la demando estas la vorto "esperantistoj"; alifoje temas pri "parolantoj de Esperanto". Jen ses publikigitaj taksoj.*

1. *1.000.000. El artikolo en Internacia Pedagogia Revuo verkide Stefan MacGill, kiu nur "supozas" sen dokumentado.*
2. *2.000.000. La rezulto de konkurso organizita de Mark Fettes, la antaŭa redaktoro de Esperanto, kalkulita kiel la meza cifero de taksoj, kiujn faris 56 homoj.*

3. 5.000.000. La usona periodaĵo The New Yorker ricevis tiun ciferon de la respondeculo en la novjorka oficejo de UEA, kiu simple ĵonglis per taksoj el diversaj fontoj.

4. 10.000.000. Laŭ la gazeto The Washington Post; fonto nekonata.

5. 7.000.000 - 12.000.000. Laŭ la libro The Story of English (La historio de la angla lingvo); fonto nekonata.

6. pluraj centmiloj - 15.000.000. El la broŝuro Wanted:a world language (Dezirata: mondlingvo)de Mario Pei;fontoj nekonataj.

Manko de difinado de "esperantisto" kaj "parolanto de Esperanto"

Neniel povas ekzisti valida demografia esploro pri la esperantista komunumo, se oni ne dekomence difinas la du terminojn "esperantisto" kaj "parolanto de Esperanto". En la kategorio de "esperantistoj" estas ofte inkluditaj tiuj homoj, kiuj nur simpatias kun la idealoj de la esperantismo aŭ apogas la movadon buŝe kaj eble ankaŭ poŝe. Ili havas neniun inklinon lerni aŭ uzi Esperanton kaj pro tio formas la t.n. fantoman movadon. Por karakterizi iun kiel "parolanton de Esperanto" estas necese unue decidi pri la nivelo de lingvouza kapablo ne pasive sed aktive atingenda. Ĉu sufiĉas esti enskribita en elementa kurso? Kion diri pri la eternaj komencantoj, kiuj dum jaroj sukcesis enkapigi nur la minimuman vortprovizon? Ĉu sinjoro "Bonan-tagon-ĝis-la-revido" estas"parolanto de Esperanto"? En kelkaj landoj oni statistikas laŭ la kvantoj da lerniloj eldonitaj kaj venditaj, kvankam estas evidenta, ke ne ĉiu, kiu aĉetas lernolibron daŭrigas studon de la lingvo post la unua leciono.

Konkludo: sakostrato sen elirejo

La rezulto de tiom da necerteco pri la elnombrataj homoj estas, ke ĉiuj taksoj de "esperantistoj" aŭ "parolantoj de Esperanto" sur tutmonda skalo ŝvebas en la aero. Neniu persono, publikiĝaĵo aŭ organizaĵo pravas pri sia takso, ĉar ili ne posedas iun ajn objektivan bazon kaj nur gurdadas fantaziajn ciferojn. La agado de AEIOU estas kimero, ĉar ĝi ne havas eblon kontroli la ĉi-suprajn ciferojn por ekscii, kiom estas la plimulto de la esperantistoj. Sekve, neniam povos okazi validigo de la "Deklaracio de la 3-a Yarmilo", kaj la klopodoj de la reformemuloj konsistos en vana disipado de tempo, financoj kaj energio.

Bernard GOLDEN

# Paĝoj el la
# LABORISTA E-MOVADO EN HISPANIO

*Simile kiel okazis en la neŭtrala Esperanto-Movado ĉe ni, la hispana laborista popolo bonvenigis Esperanton jam je la komenco de tiu ĉi jarcento. Kontribuis al tiu favora akcepto la opinio de elstaraj progresemaj hispanaj politikistoj, inter ili, la eminenta eksprezidento de la Unua Hispana Respubliko, s-ro Francisco Pi y Margall, de kiam li publikigis en la jaroj 1898 kaj 1900 ampleksajn artikolojn en Madridaj respublikanaj ĵurnaloj laŭdajn al la nova lingvo internacia.*

*La unuaj hispanaj laboristaj esperantistoj aktivis unue individue, kaj pli malfrue jam kolektive en la sino de laboristaj asocioj, precipe kiel Fakoj en la kadro de la Socialista Partio, tiam, kune kun la sindikato Ĝenerala Unio de Laboristoj, la plej prestiĝaj politika partio kaj sindikato, respektive, en Hispanio. Ekzistis en la tiama laboristaro la firma konvinko, ke universala lingvo Esperanto estas efika ponto kondukanta al la unueco de la popoloj kaj interkompreno de la homoj. Kaj tiu penso fariĝis idealo de grandnombraj laboristoj.*

*Unu el la unuaj sukcesoj de Esperanto en hispanaj laboristaj medioj okazis en la jaro 1904 en Terrassa, kie, kadre de Laborista Kongreso, samideano Johano Camps (m. 1909), elstara laboristo esperantista el Sabadell, proponis Esperanton kiel lingvon uzendan por interrilatoj kun eksterlandaj laboristaj organizaĵoj, kiam en tiu ĉi urbo apenaŭ oni konis la internacian lingvon. La propono estis akceptita.*

*En 1905, tre favore impresis en laboristaj medioj la homamaj ideoj proklamitaj en la Bulonja Deklaracio en la kadro de la Unua Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Boulonge-sur-Mer, kiu en la hispana gazetaro estis tre disvastigita, kaj jam individue komenciĝis la prozelitisma tasko de laboristoj esperantistaj.*

*En 1906 esperantistiĝas Julio Mangada Rosenörn (1), kiu, kvankam militisto, grave influis/os ne nur la Hispanan Esperanto-Movadon, sed ankaŭ la Laboristan. Mangada estis framasono kaj akceptis Esperanton kiel plian batalilon bonan por venkigi sian idealon pri frateco kaj justeco en nia socio. La framasona societo "Granda Oriento" eldonis tiam ĉiumonatan gazeton "Luz*

*Española" (Hispana Lumo), kie aperis filozofiaj kaj homamaj progresemaj artikoloj. Idealisto kaj nelacebla propagandisto de Esperanto, Mangada ekpropagandis nian internacian lingvon per tiu revuo jam en 1907. La bulteno, ne nur disvastigis kulturajn socipolitikajn kaj filozofiajn temojn, sed ankaŭ aperigis serion da lecionoj pri Esperanta Gramatiko, verkitaj de Mangada, kiu ne longe poste, surbaze de tiuj lecionoj, eldonos Esperantan Gramatikon, sian unuan libron, "El Esperanto al alcance de todos" (Esperanto je ĉies atingo) (1).*

*En 1908 oni fondas en Barcelono la esperantistan laboristan societon "Tero kaj Libero", kun karaktero laborista kaj surbaze de anarkista idearo, kies unua prezidanto estis Mauricio F. Eixala. Aliflanke, en aliaj asocioj kun tiu ideologio kreskis la nombro da E-simpatiantoj, kiuj vidis en la internacia lingvo elementon ne ŝtatan, koheran kun la propraj individuismaj ideoj pri homaro pli libera kaj socio pli moderna, justa kaj esence solidara inter ĉiuj popoloj de la tero. La nova lingvo signifis por tiu kolektivo la eblecon eduki la novajn generaciojn en la interkompreno de homnoj kaj popoloj.*

## *LA HISPANAJ LABORISTOJ ANTAŬ LA UK EN BARCELONO.-*

*En Hispanio, la klasbatalaj esperantistoj neniam montriĝis speciale kritikaj kontraŭ la neŭtrala esperantista movado, sed en 1909 ili ne samopiniis, kiam la burĝaj esperantistoj organizis la 5an Universalan Kongreson en Barcelono.*

*Okazis tiam en la kataluna ĉefurbo, gravaj politikaj protestoj kiel sekvo de popola reago kontraŭ la enŝipiĝo de rezervo-soldatoj partoprenontaj la nordmarokan militon (11an de julio 1909). Similaj incidentoj okazis en Madrido kiam soldatoj de la regimento "Arapiles" ne obeis militistajn ordonojn pro identaj motivoj, kaj ili, kun alta partopreno de civitanoj bruligis trajnon en la stacidomo Atocha. La afero komplikiĝis en Barcelono, kiam, kontraŭ strikdecido fare de socialistoj, anarkistoj kaj radikaluloj, la hispana registaro proklamis sieĝostaton kaj surstratigis la armeon. Tio kolerigis la laboristaron de la kataluna ĉefurbo, kiu, tial kaj per iniciato de radikaluloj (kiuj sen tro mediti pensis, ke tiu estis bona okazo por komenci revolucion) forbruligis religiajn konstruaĵojn kaj starigis barikadojn. Ja ne plu temis pri protesta striko, sed*

*pri io pli grava: sindikataj aspiroj, kontraŭmilita, kontraŭmonarkia aŭ katalunisma politiko, protesto kontraŭ la registaro... En Sabadell, Mataró kaj Manresa oni proklamis la Respublikon. En Figueras, la popolo tute malhelpis la kolektiĝon de rezervosoldatoj (la kunvokitoj estis 600 kaj nur prezentiĝis 2). En Sabadell, en mitingo sur la placo Vallés kolektiĝis 20.000 laboristoj...*

*La respondo de la konservativa ĉefministro Maura estis terura: senhezite li ordonis uzi ne nur fusilojn sed ankaŭ kanonojn, kaj perforte konkeris straton post strato. La popoldomo de Barcelono kaj aliaj konstruaĵoj estis sovaĝe detruitaj kaj en ili multaj laboristoj masakritaj. La rezulto de la tiel nomata "tragika semajno" de Barcelono (26-31 julio 1909) estis tre dolora: pli ol cent mortintoj kaj kvincent vunditoj. Estis enkarcerigitaj miloj da laboristoj, 2000 priprocesitaj, 175 deportitaj, 59 kondamnitaj al dumviva mallibero, 5 mortkondamnitoj ekzekutitaj (2).*

*Tiu terura punagado okazis iom antaŭ, dum kaj tuj post la la UK kaj precipe kontraŭ anarkistoj kaj socialistoj en tiu momento kunbatalantaj sur la Barcelonaj stratoj, ĉe kies rondoj ŝprucis la unuaj hispanaj klasbatalaj esperantistoj. Eĉ unu semajnon antaŭ la okazigo de la UK, estis arestita la pedagogo gvidanto de la t.n."moderna lernejo", Francisco Ferrer i Guardia, liberpensulo, kiun la registaro pretendis prezenti kiel la ĉefan kulpulon de la sanga ribelo... Zamenhof mem, malgraŭ la efektiva helpo, kiun la hispana registaro donis al la kongreso, devis klare mencii en la malfermo-parolado de la 5a UK "la malfeliĉajn Barcelonajn okazintaĵojn", kaj rilate la akcepton de Barcelono al la kongresanoj li substrekis ke, nur apartaj neantaŭviditaj cirkonstancoj malhelpis la urbon montri kun plena entuziasmo kaj en sia plena amplekso sian grandan estimon. Tio estis, pli ol mencio, vera plendo, kvankam ĉiukaze neniam tiu Kongreso devis okazi sub tiu bedaŭrinda etoso. Nur unu monaton post la UK Francisco Ferrer estis mortkondamnita de militista tribunalo kaj mortpafita en la kastelo Montjuic (13a oktbr. 1909). Protestmanifestacioj de laboristoj en ĉiuj plej gravaj Eŭropaj urboj devigis la ĉefministron Maura demisii tute senprestiginta.*

*Ekzistas filmo pri la "tragika semajno" de Barcelono tito-*

*lita "Ciutat Cremada" (Bruligita Urbo.-1936), en kiu aperas scenoj de revoluciuloj lernantaj Esperanton aŭ praktikantaj nian internacian lingvon. Tiu detalo nuancas la etoson tiam ekzistantan en laboristaj medioj, ke Esperanto estas ilo de frateco kaj interkompreno de homoj kaj popoloj. Rimarkinda estas vivero pri la biografio de Francisco Ferrer, kiam tiu ĉi granda pedagogo pretigis sian projekton pri la"Moderna Lernejo"; tiurilate iu kataluna naciisto proponis al li, ke la instrulingvo devas esti la kataluna, sed li tuj respondis al la proponinto: "Tiu estus rezervi la raciisman instruadon al limigita grupo da infanoj, do estus pli racie uzi Esperanton, se tiu lingvo estos sufiĉe disvastigita"...*



F. Ferrer i Guardia.-La bildo: El tenebro ŝprucas la Lumo, simbolo de la Racio.

*Tiuj bedaŭrindaj eventoj okazintaj en Barcelono bremsis, sed tute ne povis haltigi la progresadon de Esperanto en laboristaj*

*asocioj, ĝuste kiam jam ekfloris la unuaj kolektivoj sub tiu duopa signo: laborismo kaj esperantismo.*

*LA LABORISTA MOVADO POST LA UK EN BARCELONO*

*En oktobro de 1910, la laboristoj kun anarkismaj tendencoj fondis en Barcelono la sindikaton CNT (Nacia Konfederacio de la Laboro), en kies fondkongreso oni rekomendis same individue kiel kolektive lerni kaj uzi Esperanton.*

*Oferema estis la tasko dum tiu jaro de D-ro Hita, estrarano de la Socialista Esperantista Grupo de La Arboleda (Biskajo), gvidanta dum tiu jaro posttagmezan Esperanto-kurson speciale organizitan por minlaboristoj, sed pli peniga sendube ĝi estis por la lernantoj, ĉar tiuj ministoj laboregis ĉiutage de la sesa vespere ĝis la sesa matene.*

*En tiu sama jaro la Sabadell-a esperantista societo "Esperanta Semo" organizis propagandan feston en la progresema "Centro Respublikana Federaciisma" kaj tiuokaze prelegis la sekretario de la Sabadell-Urbestraro, k-do Jozefo Altura i Pujada, pri "Esperanto kun la laboristoj" (k-do Altura i Pujada ekziliĝis post la hispana intercivitana milito en Venezuelon, kie li forpasis).*

*Memorinda por la hispana esperantistaro estis la jaro 1911, ĉar la registaro oficiale permesis per dekreto instrui Esperanton en lernejoj kaj universitatoj de la ŝtato. Ankaŭ, la laboristaj esperantistoj firme progresis: en Madrido fondiĝis esperantista socialista rondo "Libera Homo"; en Gijón en la sino de Laborista Ateneo estis kreita esperantista fako, kiu vigle aktivis sub gvidado de esperantistoj tiel kleraj, kiel Alfredo Villa, Juan Fernández, Francisco Fraga kaj E. de Castro; en Kordovo, Paul Linares sukcese prelegis en laboristaj rondoj, precipe en "Respublikana Centro de la Junularo"; en Vaskolando la socialistaj esperantistoj viglis precipe en la sino de la Socialistaj Partioj de Bilbao kaj La Arboleda; kaj en Madrido tuj post la malapero de "Luz Española", Julio Mangada kun Fernando Redondo kaj la presisto Emilio González Linera, ĉiuj tri framasonaj, decidis publikigi esperantistan revuon, kiu aperos en 1912 sub la titolo "HOMARO".*

*Paralele kun tiu aktivado, Mangada gvidis Esperanto-kurson, unu en la Madrida E-Grupo, alian en la prestiĝa kultura Centro "Ateneo de Madrido". En tiu ĉi lasta Centro, Mangada instruos Esperanton ĉiujare, de 1912 ĝis 1936, escepte dum la jaroj, kiam la militisto estis destinita malproksime de Madrido.*

*En 1913, D-ro Zamenhof agnoskis la idealisman taskon de tiu esperantista triopo Mangada-Redondo-Linera, kaj petis ilin eldoni lian "Deklaracion pri Homaranismo" (5.000 ekz.), kiun ili presis kaj transdonis al la Majstro je tre modesta prezo, nur kontraŭ la paperokosto. Zamenhof neniam forgesos la malavaran sintenon de tiuj tri idealistoj kaj, kiam li persone akceptis Mangada-n okaze de Universala Kongreso en Berno (1913), li havis nur afablajn esprimojn por ili, kaj ĝis lia forpaso konstanta korespondado nutris tiun reciprokan altan estimon.*

*Kun la komenciĝo de la Unua Tutmonda Milito en 1914 naskiĝis periodo de teruraj malfaciloj por la disvolvo de Esperanto en Hispanio, devenintaj de la milito mem, kvankam nia lando fakte ne partoprenis en la konflikto. Malaperis asocioj, revuoj, pacaj projektoj kaj puraj idealoj, kaj iĝis realo la plej kruelaj aspektoj de la vivo: malamo, ruino kaj mizero, en grandaj dozoj... Iĝis kutimo paroli nur pri milito, bataloj, strategioj, konkeroj kaj ĉiam pri miloj da mortintoj. Multaj el niaj kamaradoj forlasis niajn vicojn, bedaŭrinde!*

*La neŭtrala Esperanto-Movado preskaŭ malaperis en Hispanio, kaj restis nur izolitaj E-Grupoj, la plej gravaj. La krizo de valoroj, ekonomia malstabileco kaj la alta kosto de la papero forbalais la regulan aperadon de esperantistaj revuoj, inter ili "Homaro". En la lando restis nur revueto eldonita de la Popoldomo de Madrido "Socialismo Esperantista", (4 pĝ. 34x24), organo de la socialistoj de la hispana ĉefurbo.*

*(Daŭrigas)*

---

VERKOJ KONSULTITAJ


(1)"Aŭtobiografio de Julio Mangada Rosenörn. (Ne publikigita).

(2)"La Deknaŭajarcenta Hispanio" , de Manuel Tuñón de Lara.

(3)"Analoj de la Esperanta Movado en Hispanujo", du volumoj (1987), Dua eldono, de Antonio Marco Botella.

# ADMINISTRA ANGULO

Ni atentigas al tiuj k-doj, kiuj ankoraŭ ne pagis la ĉi-jaran abonon aŭ kotizon, bonvolu tion fari kiel eble plej baldaŭ.

Pagis la ĉi-jaran abonon jenaj k-doj:

| | |
|---|---|
| Emilio Pérez Gimeno . . . . . . . . . . . . . . . | 800,00 Ptoj |
| Galega Esperanto-Asocio . . . . . . . . . . . . . | 1.600,00 " |
| SUMAS | 2.400,00 " |

Ni dankas la pagintojn.

*****

NOTO.

Ni petas al tiuj gek-doj., kiuj laste sendis per Poŝto la jarkotizon al nia Kasisto en León, k-do Nicolás GIL, bonvolu skribi lin indikante: nomon, urbon, kaj monon al li senditan, por identigi la senditojn.

Ni jam antaŭdankas ilin.

## LIRIKAJ PAĜOJ

LA MORALISTO

Kun mien' serioza kaj severa,
per parolad' frapanta kvazaŭ vipo,
ĵetis la moralist' de sia lipo
la malaprobon, ĉu per voĉ' sincera?

Diris li -li ne estis hom' malklera,
virto ja estas kvazaŭ forta ŝipo,
rekta baston' nekurbigebla ŝtipo
aŭ konstruaĵo granda, ŝtono fera.

Ĉiu malvirto estas demonarto,
vinon forlasu, ludon kaj virinon,
ĉar de la virt' devenas la bonfarto.

Sed li, drinkinte kaj drinkinte vinon
kaj disĵetinte monon per ludkarto
ĵetis sur liton belan amatinon...

Rafael de San Millan.



# VERA LIRIKO

## JUDIT

(El Lope de Vega)

Cuelga sangriento de la cama al suelo
El hombro diestro del feroz tirano.

Pendas de l' lito ĝis tero-nivelo
La sanga dekstra brako de l' tirano
Kiu Betuljon sieĝis je vano
Kaj al si tiris fulmojn el ĉielo.

Time volvita ruĝa tendo-velo
Malkovras, apud la maldekstra mano
Terur-aspekto de morta tetano:
Trunkon rigidan kiel glaci-ŝelo.

Fortan armilon ŝpruc-makulis vino;
La vazoj kuŝas ĉe tabl' renversita;
Gardistoj dormas, kontraŭ disciplino;

Kaj sur remparo staras, ĉirkaŭita
De sia gento, la ĉasta Judino,
Kaj per la kapo ŝi brilas armita.

## FESTENO EN LA KAMPO

(El José Iglesias)

Debajo de aquel árbol
De ramas bulliciosas...

Sub la branĉoj de la arbo
kies foliaron movas
Milda spiro de l' zefiro,
Kiu bonodore blovas

Kie najtingalo kanta
Kun dolĉegaj triloj sidas,
Kie fonto murmuranta
Kvazaŭ plendas, kvazaŭ ridas.

Super freŝaj rozoj metu
Nian tablon amantino,
Metu la pokalon plenan
Plenan de bongusta vino;

Kaj mi gaje, por la sano,
Trinkos en soif' ebria,
Sen ĉagrenoj, zorgoj, penoj,
Sen afliktoj, timo ia;

Dume, en kastelo sia,
Manĝas iu grand-sinjoro,
De flatistoj ĉirkaŭite,
Kun mil zorgoj en la koro.

*Tradukoj de Antoni GRABOWSKI*

# Por kiu voĉdonas Bernard Golden (kaŝnomo de Bernartxo Goldentxategigoitia): PNV aŭ HB?

Ke la mondo estas fola, ĉiu ja scias, same ke, en ĉi tempoj ŝanĝiĝantaj nenio estas, kio ĝi aspektas. Sed eĉ homo moderna kiel mi, kiu aĉetas *El Mundo*, aŭskultas *new age*, penas kompreni *Newsweek* kaj asiduas al kiĉaj kinokluboj, kie kiĉaj homoj babilas afektite pri la lasta de Kaurismäki aŭ Greenaway, ne sen problemoj povas sekvi la fadenon de la okazintaĵoj. Almenaŭ ne sen skizi etan mir-grimacon.

Sed mi tuj klarigu la kialon de mia maldormo: Jesus de las Heras (*Kajeroj* 22, 16-18) detektis viruson dum la lasta UK, kiu -se ni donas kredindecon al liaj vortoj- minacas ŝanceli la pilierojn de nia butiko kaj fari el la diligenta kolegaro unu kaĉan rondon familian kun la frida kaj dura asfalto. Temas esence pri bone klasifikita viruso (el la konata familio *kojonpula neologismus*) sed ĉi-okaze prezentiĝanta en stranga mutacio kun mikrobo ankaŭ infektinta sektoron de la anaro, nome: la timata *sangosoifa naciistorum*.

Kaj kiel espereble, efektoj ne malfruiĝis: la unua trafis la malsano la vorton *Vaskio*, kiu unu matenon vekiĝis kaj ekvidis metamorfoziĝinta sian morfologion al nerekonebla formo *Eŭskio*.

Tuj post la malkovro plej diversaj onidiroj kuris de buŝo en buŝon pri la origino de la epidemio, sed devis estis la eminenta doktoro Jesus de las Heras, kiu metus finon al la klaĉado malligante la gordian nodon: *"Eŭskio!?"* li faris enpensiĝan mienon, dum li gratis al si la bokbarbeton kaj lokis bone la monoklon, *"Eŭskio estas nomo nek de lando nek de ŝtato. Ĝi estas nomo inventita de vaskaj naciistoj, produkto de la febra menso de minoritato!"* li sentencis rezolute, kaj tuj aldonis kun amara kaj laca sento: *"Ve! Eĉ en la parolon eniras la paranojo de naciistoj!"* Poste li faris profundan enspiron al sia pipo kaj perdiĝis en la nebula vespero. Mi tamen, dezirante esplori pli funde la radikojn de la nova infekta plago, decidis daŭrigi per mi mem la reserĉadon kaj tiel venis al novaj kaj pli mirigaj malkovroj...

Sekvante la spurojn de la diabla viruso, mi trovis, ke jam antaŭ multaj jaroj manifestiĝis ĝiaj unuaj

simptomoj: jam ĉirkaŭ la jaro 1979 U. J. Moritz kaj Renato Corsetti inokulis provmikrobon en kasedon kaj libreton de tendenca titolo (*Venos liber´*, Marĉela), kio rezultigis tujan modifadon de ĉiuj *vask-* al *eŭsk-*. Sed tio ja devas neniun surprizi, se oni atentas la fakton, ke ambaŭ homoj apartenas al arkana organizo, kies membroj nomas sin *etnistoj*. Kaj dirante tion, jam sufiĉas por ekscii, pri kiaspecaj uloj temas!

Plu serĉante en la arĥivoj, mi trovis, ke dek jarojn poste (*Monato*, decembro 1989) la ŝiboleto plu obstinas infesti la plaĉan ordon familian, ĉi-foje injektita -je la kutimaj pretekstoj, ke ĝi pli bone kongruas kun la origina nomo en la vaska lingvo, ktp- de la *konataj eŭskaj naciistoj* Georgo Kamaĉo kaj Ricardo F. Albert Reyna.

Tamen ne finiĝis ĉi tie mia surpriziĝo, ĉar iom poste trafis en miajn manojn (*KAE-Informilo*, n-ro 3) pledo de, ĝis tiam, homo for de ĉia suspekto: la Papo mem. Miaj kruroj febliĝis kaj miaj dentoj ekgrincis de hororo: li eĉ aŭdacis pravigi la mutacion argumentante, ke *basko* kaj *vasko* estas homonimaj radikoj (suprenfaldebla parto de vestaĵo kaj konkego de fontano, respektive) kaj konsekvence, ke "Eŭskio *estas bona solvo por elimini tiun konfuzon*". "*Ho ve!*", mi klamis al la ĉielo... Mi ne povis kredi miajn okulojn.... Tia grado de degenero... Nun marteladis miajn tempiojn la saĝaj vortoj de doktoro Jesus de la Heras: "*Eŭskio estas nomo nek de lando nek de ŝtato. Ĝi estas nomo inventita de vaskaj naciistoj, produkto de la febra menso de minoritato!*", eĥiĝis en mia interno lia amara lamento: "*Eĉ en la parolon eniras la paranojo de naciistoj!*"

Jen do kiel teniĝas la afero: Bernard Golden estas *eŭsko* -pardonu: vasko- kaj... naciisto! Lia vera nomo eble estas Bernartxo Goldentxategigoitia kaj, kiel ĉiu elemento naciista -kiom saĝe parolas denove tiu cerbero de la ortodokseco!- li nur celas "*meti konfuzon inter la homojn*" kaj uzi Esperanton por siaj propraj celoj. Ĉu liaj interesoj respondas specife al tiuj de PNV aŭ HB(*), estas demando, kiu obsede hantas miajn pensojn sed al kiu mi ankoraŭ ne sukcesis trovi respondon. Tamen se mi ion novan ekscios, mi plu informos!

*Joxemari Sarasua*

(*)PNV kaj HB estas du eŭsk-naciistaj politikaj partioj.

